# BULTENO
de
# Internacia Scienca Asocio Esperantista

No 38 -- APRILO 1935

## La Kemio pretendas solvi la problemon pri tritiko kaj vino

En libro kiu ĵus aperis ĉe Boston, sub patronado de la Kemia Fondaĵo : « La Kemiurgia Farmo », Doktoro *William Hale* apogas sin sur la serĉadoj de la kemiistoj laborantaj ĉe la oficejo de Agrikulturo en *Iowa* por sciigi — kun optimismo — scienan revolucion multe pli gravan ol tiu kaŭzita de *James Watt*. Jen estas resumo de tiu ĉi verko, kiun prezentas *Literary Digest*.

Doktoro Hale opinias, ke la farmistoj tuj kapablos havigi al la nacio, dank'al la sintetika kemio, plej grandan parton de la krudaj materioj, antaŭe eltirita el grundo kaj minejoj : vestojn, konstrumateriojn, movigajn fortojn kaj multajn aĵojn.

Kiam tiu ĉi programo estos realigita, li opinias, maltrankviligoj pri la rentoj de la bienposedantoj estos forigitaj, kaj, kontraŭe, okazos ekkuregado el urboj al kamparoj ,amasa reveno al la kamparo ; kemia revolucio tuj kreos tute novan mondon, kiel iam faris vaporo kaj elektro.

Deveno de tiu kontentiga evolucio estis industria produktado de la sinteza amoniako per ĥidrogeno, kaj la atmosferaj nitrogenaĵoj. Apartigante el aero kelkajn ŝtofojn, kaj aldonante al ĝi taŭgan kvanton da akvo, oni pligrandigas la produktemon de la grundo.

La unua utiligado (bone konita) de la agrikulturaj produktaĵoj estas aliformigo de la iloj de interna brulado (karburatoroj). Ili povas ekfunkciiĝi per miksaĵo de alkoholo kaj gazolino. Tridekdu ŝtatoj jam uzas tiun ĉi brulaĵon.

La necesa etila alkolo estas farita per amelo ekstraktita el tritika grajno laŭ tridek funtoj (dekkvin kilogramoj) po unu buŝelo de 36 litroj. La restaĵo, kiu estas 15 kilogramoj, konsistas el gluteno kaj rekrementoj, kiujn oni povas uzi kiel produktigaĵojn.

Ĉe Usono la ĉiujara produkto de alkoholo estas kvar cent kvin dek milionoj da litroj. Se oni aldonas nur dek procentojn da alkoholo

al la gazolino, la industrio postulos de agrikulturo unu miliardon kaj ses cent milionojn da « galonoj » — kaj tio respondas al distilado de sep cent milionoj da buŝeloj. Sed se proporcio de alkoholo aldonata al la gazolino fariĝas ĉirkaŭ kvindek pocentoj, necesus kvar milionoj da buŝeloj (unu buŝelo = 36 litroj), t.e. preskaŭ duoblo de la nuna tuta rikoltaĵo.

Estos eble anstataŭi kelkajn metalajn partojn de maŝinoj per sintezaj produktaĵoj eltiritaj el tritiko. Drapo impregnita de tiuj ŝtofoj akiros rezistecon de metalaj platoj : por tio ne necesos ĝin ŝmiri per koloraĵoj aŭ lako. Per samaj metodoj kaj aldonante maldikan metalan tavolon, oni fabrikos tubojn havantajn rezistecon de ŝtalo.

La ministrofico de Agrikulturo studigas nun procedon por ekstrakti amelon el la sukeraj terpomoj, kaj uzino estas konstruita ĉe *Laurel*, kiu baldaŭ funkciigos.

Nun eksperimentoj estas provitaj por produkti alkoholon el aliaj agrikulturaj produktaĵoj (rizo, ŝelo, ksilozo), luman gason el forĵetaĵoj de farmo, fine celulozon el seka restaĵo de sukerkano.

Jen tre allogaj antaŭvidaĵoj, sed kelkajn ni jam konas. Eble grandaj firmoj, havantaj grandegajn kapitalojn sukcesos krei tre profitdonajn aferojn. Sed en lando de malgrandaj bienoj, grava estas la demando de la prezoj de la produktaĵoj. Kontraŭe, en landoj de grandaj bienoj kiel Usono, suda Ameriko, Algerio k.t.p., aŭ en landoj kie la homforto kostas preskaŭ nenion, eble oni povus krei mirindan industrion, kiu, kiel diras *D-ro Hale*, revoluciigus la mondon.

ROLLET DE L'ISLE.



# Senpera studado de la brulado kaj de la eksplodo en la motoroj je interna brulado

*(Daŭrigo kaj fino)*

En la antaŭaj artikoloj, ni montris kiamaniere oni povas filmfotografi la flamojn interne de la motoroj, kaj ni klarigis la rezultatojn de tiaj studadoj.

Tamen, flanke de la vidado, la homoj povas ekzameni fenomenon per aliaj sentiloj, precipe per la aŭskultado.

Ĉiuj uzantoj de motoroj scias, ke tre ofte oni povas interpreti la bruojn, kiujn naskas la funkciado de la aparato.

Kompreneble kaj vere, tia aŭskultado per homaj oreloj estas senvalora pro la fama « propra ekvacio ». Pro tio oni serĉis la memskribadon de la bruoj sur filmoj.

Sur tiu kampo, kiel sur aliaj sciencaj kampoj, estis necese anstataŭi la homajn sentaĵojn per skribantaj aparatoj.

Oni scias, ke laŭ *Fechner*, en iu ajn frekvenco, la forto de la aŭdaj sentaĵoj kreskas laŭ aritmetika progreso, dum la forto mem kreskas laŭ geometria progreso.

Aparte, la homa orelo estas tre facile impresata de la sonoj, kies frekvenco estas inter 800 kaj 3000 periodoj ; ĝi estas tre malfacile impresata de la sonoj, kies frekvenco superas aŭ malsuperas tiujn valorojn.

Tre facile ŝajnas duobligi la optikan filmon, pri kiu ni jus parolis, per sona filmo. Tamen oni konstatis, ke estis neeble uzi filmon, sur kiu la sono estas enskribita per griza nuanco, plimalpli hela, ĉar tiuj ŝanĝoj de lumtrairebleco estas malfacile klarigeblaj kaj mezureblaj

Do, oni pli ŝatas la sistemon, kies principo estas skribado de dentita linio. La unua figuro montras, laŭ tiu metodo, la bruojn de eksplodmotoro, kaj la dua figuro, tiujn de Dieselmotoro.



*Unua figuro — eksplod-motoro.*



*Dua figuro — Diesel-motoro.*

La rapideco de la filmo estas 12 metroj sekunde.

La rezultatoj de tiuj eksperimentoj ne estis sufiĉe pruvantaj, kaj oni akiris pli bonajn dokumentojn per oscilografoj, uzante ĉu la elektro-magnetajn oscilografojn de *Blondel* aŭ de *Dubois*, ĉu la katodan oscilografon de Profesoro *Dufour*, ĉu (pli bone) la katodan oscilografon je konstanta vakuo, de *Ardenne*.

Tiu lasta aparato povas enskribi la frekvencojn, inter 0 kaj 10.000, kaj eĉ 20.000 periodoj sekunde, kaj la rapideco de la filmfotografo povas atingi 100 metrojn sekunde. Ni aldonu, ke la inerteco de tiu aparato estas tre malforta, ĉar ĝi dependas nur de la mallonga persisto de la bildo sur la fluoreska ekrano, kiu kuŝas sur la fino de

la tubo je inkandeska katodo (unu cent milionono de sekundo proksimume). Per movo de balaado de la elektrona fasko, je rapida reveno, kiun oni sinkronigas kun la perioda fenomeno studota, tiu bildo povas esti fiksita sur ekrano, por senpera observado. Plie, la lumineskeco blua-verda permesas fotografan enskribadon, kies rapideco estas 1000 metroj sekunde.



*Tria figuro — Oscilogramo de radiaj perturbaĵoj.*

Per tiu aparato, oni obtenis unue simplajn oscilogramojn. Kiel ekzemplo, la tria figuro montras oscilogramon de radiaj perturbaĵoj kaj la kvara figuro oscilagramojn de bruoj produktitaj en homa motoro, tio estas bruoj de pulmo.



*Kvara figuro — Oscilogramoj de pulmaj bruoj (Van Ardenne).*

Sekve, uzante tiun metodon, Prof. *Wawrziniok* el Dresdeno faris gravajn eksperimentojn

Alimaniere, en la Instituto *Hertz*, oni serĉis la mezuron de vibradoj de motoro, kaj oni enskribis, laŭ la tri perpendikularaj direktoj, la sismogramojn « *Askania* » de *Diesel*-motoro je 15.000 ĉv.

La kvina figuro montras tiujn sismogramojn.

La intereso de tiaj studadoj estas la eksplorado, precipe, de la plej bona loko, en kiu la motoro devas estis fiksata por plej bone funkcii.

Por konkludi oni devas rimarki, ke ju pli la homaj sentoj estas subtilaj kaj analizemaj ju pli ili havas limitan kampon, des pli ili estas malfacile anstataŭeblaj per komuna fizika mezurilo.

La sentoj nur bone taksas la egalecon de impreso aŭ de laceco, per kialoj identaj en la sama momento.




*Kvina figuro — Sismogramoj laŭ tri perpendikularaj direktoj.*

La nesufiĉeco kaj netaŭgeco de niaj homaj sentoj naskis la mezurilajn normojn, la pezaparatojn, la horloĝojn, termometrojn, barometroj). Tamen la malhelpaĵoj kreskas. Kio okazos, kiam la sciencanstataŭi same la aŭdajn sentojn per skribantaj mezuriloj (aŭdimetroj). Tamen la malhelpaĵoj kreskas : kio okazos, kiam la scienculoj ekatakos la problemon de la enskribo de nia flara sento !

M. D. DUPUIS.

——o——

# SCIIGOJ

**De Londona Fizika Konferenco:**

Ĉu la antikva Revo de la vivigeco de la Materio baldaŭe efektiviĝos en faktoj science kontrolitaj ?

Post la eltrovo de Radiumo, natura kaj seninterrompa fonto de niaj radiaktivaj grandvaloraĵoj, la Poloniumo, kies aperigon ni ŝuldas al nia mondfama S-ino *Curie*, ŝajnas ĝis infinito malfermi la vojon, laŭ kiu la Materio viviĝos arte, per simpla homa volo.

En la Internacia Fizika Konferenco, kiu okazis en Londono, gesinjoroj *Joliot*, bofilo kaj filino de gesinjoroj *Curie*, sciigis al la sciencularo, novan kaj gravegan progreson en la kampo de Radiaktiveco.

Per poloniumaj radiaĵoj « alfa », S-ino *Curie* ebligis pozitivan ŝarĝon de elektronoj, kiuj estis negativaj post la ago de la radiumaj radiaĵoj « beta ».

Gesinjoroj *Joliot* uzis tiujn radiaĵojn « alfa » por bombardi diversajn ŝtofojn kaj serĉi novajn radiaktivaĵojn en la regionoj netuŝeblaj per radiumaj radiaĵoj.

Unue, la sciencistaj geedzoj atakis malpezajn ŝtofojn, kiel Glucinion kaj Lition. Ili konstatis, ke la radiaĵoj « alfa » ne detruas tiujn ŝtofojn, sed ke ili naskas aliajn tre penetrantajn radiaĵojn ne havantajn pozitivan ŝarĝon, kvazaŭ nemateriajn, kiuj estis nomitaj « neŭtronoj ».

Tio estis la deveno de la eltrovo de artefaritaj radiaĵoj. Gesinjoroj *Joliot*, uzantaj intensajn fontojn de Poloniumo, bombardis Aluminion kaj Magnezion, kaj kreis pozitivajn elektronojn, kies radielfluo daŭris dum kelkaj minutoj post la fino de tiu bombardo.

La Itala Fizikisto *Enrico Farmi*, poste, ekpensis uzi la neŭtronojn anstataŭ la radiaĵojn « alfa ». Bombardinte ŝtofojn, kiel Arsenon, li kreis radielementojn, kies radiaktiveco daŭris dum almenaŭ du tagoj. Ĉu oni povas antaŭvidi kien iras tiu artefarita vivigeco de la Materio, kvankam de longa tempo la homa Revo malfermis la pordon de vastaj kampoj, per la *orfaranta ŝtono*, tiu Radiumo, kiun naskis la spiritfantazio de la antikvaj Alkemiistoj ?

**El la Scienca Akademio de Vieno.** — Pri la ĉi supre citataj eksperimentoj, ni devas aldoni sciigon de F-ino *Kara Miklalova* kaj S-ro *H. Pettersson*. Tiuj scienculoj montris, per elektrometro je tubo, la ekziston de radiaĵoj havantaj mallongajn trajektoriojn, kaj kiuj elirigas la Ksenonon post influo de radiaĵoj «alfa». La Ksenono, frapita de radiaĵoj « alfa » de la Poluniumo, ŝajnas ne naski radiaĵojn « gama ».

**Notu.** — Ni petas, de niaj kolegoj de ĉiuj landoj, la sendon de interesaj informoj el ĉiuj sciencaj Akademioj aŭ societoj.

——o——

# Enketo pri uzado de Esperanto en sciencaj ĵurnaloj

Tre malkuraĝiga fakto estas, ke la ampleksa fluo de la aperantaj sciencaj publikigaĵoj enhavas ankoraŭ nur tre malgrandegan parton verkitan esperante. De tio ĉi precipe la kaŭzo estas, ke nun ne jam multaj scienculoj konas esperanton ; multaj eble nenion scias pri ĝi Tiel senperspektivaj la ŝancoj de esperanto kiel scienca lingvo

ŝajnas esti, tamen estus malkuraĝe kaj malaprobinde perdi la fidon en la fina venko de la logiko kaj facilo, enkorpigitaj en Esperanto. Tial grava devo estas, ke almenaŭ la eta aro de esperantistaj scienculoj apliku Esperanton, ne nur por montri ke tiu ĉi lingvo celadas al iama oficiala atesto kiel scienca lingvo, sed precipe por montri, ke jam nun la aplikado donas profitojn, same kiel antaŭe la komenca aplikado de la unuaj telefonkunigoj aŭ poŝtĉekkontoj.

Malhelpaĵo por tuja aplikado nun estas, ke nemultaj sciencaj gazetoj jam akceptas esperante verkitajn artikolojn aŭ eĉ nur esperantajn resumojn. Sed antaŭ ĉio, necesus ion scii pri la starpunkto de la redakcioj. Aliflanke ĉu nun ekzistas ne esperantistaj sciencaj gazetoj, kiuj aperigis esperantajn artikolojn ?

Do ŝajnus tre utile kolekti ĉiajn informojn pri la ebleco de la aplikado de Esperanto en la scienca mondo, por ke la scienculoj sciu, kie ili povus publikigi esperante kaj kie tiu okazo ne ekzistus

Per nova enketo ni dissendas la informpetadon inter la scienculoj esperantistaj, kiuj certe plejgrandparte estas kuniĝintaj en nia I.S.A.E. Ili bonvolu respondi kiel eble plej detale kaj komplete la malsuprajn demandojn kaj sendi la respondojn, konforme numeritajn, al la adreso, se eble baldaŭe. La rezultoj estos publikigitaj en tiu ĉi bulteno, por ke ĉiu membro povu disponi pri ili.

1) Kiuj sciencaj libroj, artikoloj, gazetoj kaj raportoj laŭ via scio aperis ĝis nun verkitaj esperante aŭ nur kun esperanta resumo ?

a) Kio estas la titolo de la verkaĵo, gazeto, ktp ?

b) Kiu estas la verkinto ?

c) En kiu gazeto aŭ ĉe kiu eldonisto ĝi aperis ? Donu la adreson de la redakcio aŭ de la eldonejo.

ĉ) En kiu jaro la verkaĵo publikiĝis ?

d) Kiom da paĝoj ampleksas la esperanta teksto ?

(Informoj pri nuresperantaj sciencaj gazetoj ne bezonas esti donataj, se ili troviĝas en la jarlibroj de U.E.A.).

2) De kiuj gazetoj laŭ via scio la redakcio rifuzis enpresigi esperantan artikolon aŭ resumon ?

a) Kiu estas la nomo de la gazeto ?

b) Kiu estas la adreso de la redakcio ?

c) Kiu estas la dato de la rifuzo ?

ĉ) Kiu estas la nomo de la spertinta verkinto ?

La demandoj estu sendotaj al G. F. Makkink, biologo, Haagweg 240, Den Haag, Nederlando.

———o———

## Sekcio de Teknikaj Vortaroj

S-ro D-ro **Fr. Francke**, Lindwurmstrasse, 145/1, München 2 S.W. (Germanujo) verkis manuskripton pri jura fakvortaro.

S-ro Inĝeniero **Deckers**, Chacara do Sol, Catalao, Estado de Goyaz (Brazillando) verkis manuskripteton pri ŝakvortaro. Sin turnu al li la Esperantistoj, kiuj interesiĝas pri tiu vortaro.

Pri tiu laboro ni memorigas, ke, en 1909, S-ro **Jozefo Paluzie** presigis en Barcelono libreton nomatan « Sesdek Problemoj », en kiun li enskribis liston da ŝakvortoj.

S-ro **A. D. Borisoglebski** deziras ricevi nomojn de Esperantistoj por helpi al la ĝardenista terminaro, pri kiu ni skribis en la numero de la Bulteno de Aprilo 1934. Relegu, ni petas, tiun artikolon.

S-ro **Kuwahara-Tosihide**, nia nova delegito de ISAE en Japanujo kaj kemiisto en Ŝtata Industria Laboratorio de Oosaka, verkis en « Enciklopedio de Esperanto », Budapest, pri jenaj sciencaj temoj kiel japana ĉefkunlaboranto : 1) Sciencisto, 2) Medicinisto, 3) Farmaciisto, 4) Sciencaj tezoj en Esperanto, 5) Radio kaj elektristo, kaj multaj aliaj temoj.

S-ro Tutomu **Maeda**, nia agema samideano, kemiisto en la Instituto por Fizikaj kaj Kemiaj Esploroj, Tôkyô, kompilis plenan liston de « Sciencaj verkoj publikigitaj en Esperanto de Japanoj » (ekskluzive de medicinaj verkoj) kaj publikigis ĝin kiel aldonon al la decembra n-ro de « La Revuo Orienta ». Laŭ la listo ĝis oktobro 1934 aperis 70 originaloj, 24 resumoj, 14 terminaroj, kaj 32 diversaĵoj en Esperanto per la manoj de japanaj sciencistoj, ne kalkulante la medicinajn verkojn tre grandnombrajn, kies listo estas nun kompilata de s-ro *Ryôzi Ura*, Anatomia Instituto de Imperia Universitato de Tôkyô. La venko de Esperanto en scienca rondo tre baldaŭ venos, se alinaciaj sciencistoj imitos la modelon de japanoj. Sciencistoj anglaj, francaj, germanaj kaj usonaj klopodu por ke la fakaj gazetoj en siaj landoj akceptu sciencajn artikolojn ankaŭ en Esperanto, eĉ se ili aperigos la artikolojn en nacilingva traduko. Tiam japanaj sciencistoj plimulte verkos en Esperanto kaj publikigos siajn studojn en eŭropaj kaj usonaj gazetoj. (Raporto de S-ro Kuwahara-Tosihide.)

# Bibliografio

De Hugo STEINER, aŭstria registara konsilisto, prezidanto de aŭstria esperanto asocio, ni ricevis jus eldonitan lernolibron.

Tiu libro estas por la germanan lingvon parolantoj. Ĝi ŝajnas adekvata sian celon. La esperantaj tekstoj estas sagace elektitaj kaj facile legeblaj.

Okaze de tiu libro, ni devas mencii, ke en la dimanĉa eldono de la taĝjurnalo de « Das Kleine Volksblatt », regule aperas duonpaĝa Esp.-angulo, redaktata de reg. kons. STEINER.

De S-ro T. TAGUCI, (mara meteorologia observatoro de Kobe) en la novembra bulteno de la *Revuo Orienta* (Japana Esperanto Instituto) ni legis tre gravan artikolon : « Notoj pri la disflora dato de ĉerizoj en Japanujo ». Nia tre estimata kolego montras, ke oni povas kalkuli tiun daton per ĝenerala formulo rektlinia, X x bY. La artikolo, de grafikaĵoj ilustrita, estas legota de ĉiuj niaj kolegoj.

De S-ro PLEHN Hans Joachim, ni citas « Sagen Wortet-buch » en kvin lingvoj (germana, angla, franca, itala kaj esperanta). La aŭtoro estas kunlaboranto de nia tre fama kolego S-ro Wüster kaj meritas gratulojn.

De S-ro F. AZORIN, la « Universala Terminologio de Arkitekturo » estas verko tre utila al ĉiuj inĝenieroj kaj arkitektoj. Inteligente ilustrita kaj inda je la biblioteko de ĉiuj.

De D-ro H. SIRK, aperis artikolo en la lingva kritiko de la ĵurnalo *Heroldo* : « Ĉu grekonoma, ĉu aŭtonoma scienca terminaro ». Bedaŭrinde, *Heroldo* ne sendis ekzempleron al nia Asocio, kaj ni ne povas sciigi en kiu numero aperis tiu artikolo, kiu certe ni kredas tre interesa kaj leginda.

De S-ro PREUGEL, « *Nia Gazeto* », en la numero unua de Januaro 1935a, publikigis artikolon pri la Astrologio, kiun niaj kolegoj interesege legus. Ofte aperas sciencaj legindaj artikoloj en tiu ĵurnalo.

Fine, ni citas la B E S Adresaron de Esperantistoj el ĉiuj landoj, kiu entenas pli ol 1000 adresojn kaj preskaŭ 100 portretojn. Tiu dua eldono havas 110 paĝojn.

*Niaj kolegoj povas peti de ni pli detalajn sciigojn pri tiuj libroj aŭ ĵurnaloj, kiujn ni plezure sendus laŭ mendo.*



## Vivo de nia Asocio

*Adresoj de delegitoj :*

Ni memorigas niajn kolegojn, ke niaj naciaj delegitoj estas :
en DANUJO : S-ro A. Taumose, Reventlowsgade 26, Kobenhavn V
en JAPANUJO (Niponlando) : S-ro Kuwahara Tosihide, Nisinotyo 2-88-Zyuso-Oosaka.
en MAROKO : S-ro Richard, Rue Jules Raulin, Tanger.
en NEDERLANDO : S-ro Baart de la Faille, Roellstr., 8, Arnhem.
en NORVEGUJO : S-ro Bugge Paulsen, Schivesgate 4, Oslo.
en POLUJO : D-ro Bujwid-Lubicz, 34, Krakow.
en SVEDUJO : S-ro Eskil Hakansson, Ursvik-Ulriksdal.

Al ili, niaj kolegoj povas sendi kotizojn.

*Dumvivaj Anoj :*

Sinjoroj Aron, Baart de la Faille, Bujwid, Gueritte, Jansson, Mac Cornick, Mouthaan, Offerhaus, Rollet de l'Isle, Stromboli kaj la Koninklijke Instituut van Ing.

*Unua listo de niaj membroj por la jaro 1935a :*
*(kotizoj ricevitaj ĝis la 28a de februaro)*

Anglujo. — S-ro Goodliffe; La Nouvelle Education.
Aŭstrio. — S-ro Sirk
Belgujo. — S-ino Morris; S-ro Vandervelde.
Ĉekovlovakujo. — S-roj Hoŝtalek; Jan Rambousek, Varlaw Rambousek; Rebiĉek.
Danujo. — S-roj Blicher, Noorgaard, Schner, Taŭmose (subtenanto).
Francujo. — S-roj Balliman; Blot; Bouchou; Briquet; Charlet; Couteau; Dejean; Dru; Dupuis; Favrel; Fournier; Houzé; Jouaust; Jouis; Malmanche; Marseille; Mesny; Moissenet; Naoumoff; Schweingruber; Systermans; Tiard.
Germanujo. — S-roj Bluth; Kurt; Laüfer; Schonrich; Tarnow.
Japanujo. — S-roj Koozabro Haĵi; S Nakagaŭa; Tomoo Nakajama; Jusikugu; Okamoto; Oishi; Ogura Kogi; Kuwahara Tosihide.
Litovujo. — S-roj Horodnicy; Opulskis.

Maroko. — S-ro Richard.
Nederlando. — S-roj Belinfante; Makkink.
Norvegujo. — S-roj Bonnevie; Brokmann; Brugge Paulsen; Stop Bowitz.
Nova Zelando. — S-ro Gordon.
Svedujo. — S-roj Hakansson; Wastfelt.



## Alvoko de la Nederlandaj Esperantistoj

Floramantaj geesperantistoj tutmondaj !

Kial veni al Nederlando, la « ĝardeno de Eŭropo » ?

Ĉar en Nederlando en la vilaĝa komunumo Heemstede (apud Harlemo) okazos florfesto de l' 15a Marto—19a de Majo 1935 Sur tereno parte arbara kaj parte kampara vi vidos la scipovon de la florkulturistoj, rilate al ilia metio. Sub la gvidado de la Ĝenerala Unuiĝo por Bulbokulturado (Algemeene Vereeniging voor Bloembollencultuur) oni kreis tie efektivan florparadizon. Dum via restado sur la ekspozicia tereno, vi estos en fabelujo, ĉar kien ajn vi rigardos, viaj okuloj nur vidos florojn ĉiuspecajn, unu eĉ pli belega ol la alia. Oni nek ŝparis monon nek penon por akiri ion ne kompareblan

Vespere la tereno kaj la konstruaĵoj estos prilumitaj per miloj da elektraj lampoj, kaŝitaj en lumkolonoj kaj lumfontanoj.

Eĉ ne mankos ĉiajn kolorojn alten ŝprucanta fontano, situanta meze de belega florabundo. Vi povos ĝui rokĝardenojn, arbustaretojn, hiacintojn, tulipojn, narcisojn, ktp. Meze de ĉio, de el la lageto leviĝas granda elburĝonianta floro vitra, por kies konstruo oni bezonis unu vagonon da vitrodefalaĵo. Sur la tereno troviĝas aleo, kun kolonoj tulipformaj, kiuj prilumas la aleon fantazie. La petaloj de ĉi tiuj tulipoj estas faritaj el gipso, kaj por la farado de ili kaj la lumkolonoj ktp. oni bezonis kvin vagonojn da gipso !

Ankaŭ estas ĉi tie farmdomo el Laren, kiun oni tre ĝuste konstruis laŭ la originalo, kaj kies stalo estos uzata de la pentristoj Larenaj

La estraro de la « Flora 1935 » ankaŭ tre bone komprenis la valoron de la lingvo Esperanto. Ili aplikis la lingvon por fari propagandon. Estas disenditaj belege presitaj falditaj prospektoj en kvanto de dekmil ekzempleroj, per kiuj la estraro invitas la floramantojn tutmondajn por viziti la ekspozicion.

Troviĝas akceptejo esperantista apude de la enirejo Vrijheidsdreef

(elparolu Frejhejtsdref), kie la Esperantistoj povos ricevi ĉiujn informojn, ĉi tie ĉiam ĉeestos minimume unu Esperantisto por akcepti la mondlingvanojn.

Dum la daŭro de la ekspozicio la esperantistaj rondoj okazigos intimecigajn vesperojn, por ke ĉiu vizitanto trovu esperantistan hejmon.

En la informejo oni povos akiri informojn pri la vidindaĵoj de Harlemo, IJmuiden, Amsterdamo, ktp. Ĉi tiuj urboj facile estas atingeblaj. Ankaŭ oni informos vin pri malgrandaj ekskursoj al la ondorompiloj de IJmuiden, la kluzoj, el kiuj la Norda kluzo estas la plej granda en la mondo, la fandfornegoj kaj la haveno.

En Harlemo estas muzeoj pri ĉio, kaj en Amsterdamo estas Ŝtata Muzeo, kaj la famkonata flugkampo « Schiphol », kie komenciĝas kaj finiĝas la regulaj flugveturoj Nederlando-Hindujo.

Per ĉi tiu mallonga priskribo ni esperas, ke ni sufiĉe sukcesas instigi la en — kaj eksterlandajn esperantistojn por viziti la « Flora 1935 » kaj ni estas certaj ke neniu sentos bedaŭron.

*J B. Goedejohan, Sekr. de la komitato de la kunlaborantaj Esp. Unuiĝoj. - Fed. Lab. Esp. Ned. Katolika. - L.E.E.N. - N. E. G.*



# Grava Sukceso

*Mondekspozicio Bruselo 1935 eldonas prospekton en Esperanto.*

Niaj samideanoj de Bruselo sukcesis instigi la Komitaton de la Mondekspozicio, kiu okazos en ilia urbo dum somero 1935, uzi Esperanton en sia reklamservo.

Kiel aldonon al tiu ĉi numero niaj legantoj trovos prospekton en Esperanto eldonitan de la ekspozicia komitato.

Nun ĉiu leganto pensu pri la jam ofte ripetita admono : « Ni konfirmu niajn sukcesojn ! » Ĉiu esperantisto, ĉiu Esperanto-grupo povas helpi al la konfirmo de tiu sukceso, petante poŝtkarte pliajn ekzemplerojn de la Esperanto-prospekto kaj aliajn informojn kaj reklamilojn de :

Universala Ekspozicio de Bruselo,
51, Avenue des Arts, Bruselo.